# Stenografoj

Internacia Kongreso de Stenografio okazis en Parizo, la 3-an ĝis 7-an de Aŭgusto. En Stenografia ekspozicio tri fakoj estis rezervitaj por Esperanto. Okazis konkurso de esp. stenografado kaj kunveno de l'Internacia Asocio de Esp. Stenografistoj. Laŭ invito de la kongresa prezidanto ankaŭ ne-esperantistoj ĉeestis tiun kunvenon dum kiu oni parolis kaj diskutis preskaŭ nur en Esperanto.

Kiel regula programero, Esperanto estis daŭre citita... de la ne-esperantistoj. Nur dufoje la Esperantistoj mem parolis, nome por prezenti deziresprimon kaj due dum la festeno.

I.A.E.S. prezentis jenan deziresprimon :

« Por malhelpi ĉiujn malfacilaĵojn de reciproka interkompreniĝo, rezultiĝantaj el la malsamaj lingvoj uzataj de l'kongresanoj la Pariza Internacia kongreso de Stenografio voĉdonas ke dum la estonta unueca kongreso oni ekzamenu la utilecon de Esperanto, kiel solan lingvon uzeblan por la traduko de komunikaĵoj aŭ paroladoj faritaj en nacia lingvo. »

Samtempe I.A.E.S. decidis prezenti alian deziresprimon al ICK kaj la L.K.K. de la 24-a kongreso de Esperanto en Parizo :

« Internacia Asocio de Esperantistaj Stenografistoj petas la Internacian Centran Komitaton kaj la Organizan komitaton de la 24-a kongreso, organizi dum la 24-a ekspozicion de esp. verkoj kaj konkurson de esp. stenografiio. »

Tri premioj estis aljuĝitaj pro merito en la ekspozicio :
1. Ĉefpremio al la I.A.E.S. 2. Ĉefpremio al S-ro Flageul por alfaro de sistemo Duployé en Esperanto. 3. Ora medalo al S-ro Cogen en Ninove por stenografia mnemoniko kaj alfaro de sistemo Groote al Esperanto.

Por rekompenci la aktivecon de siaj membroj la IAES donis jenajn premiojn al :

Arĝenta medalo al S-ro Lefebvre (por alfaro de sistemo Aimé-Paris. Arĝenta medalo al S-ro Mori (kunhelpo dum ekspozicio kaj kunlaboro al Internacia Stenografisto.

Granda bronza medalo al S-ro R. Llech-Walter (fondo de nacia sekcio de IAES en Francujo).

Granda bronza medalo al S-ro Quitadamo (fondo de nacia sekcio de IAES en Italujo).

Bronza medalo al S-ro Major (Kunlaboro al I. St.).

Laŭdaj mencioj al : S-roj Kökeny, Hoen, Hager por kunhelpo.

La ekzameno de la konkurso donis jenajn rezultojn :

1. F-ino Castel : Dua premio : 40 Frk. — Skribis 60 silabojn minute.
2. S-ino Major : Unua premio : 100 Frk. Bronza medalo. 100 siloboj.
3. F-ino Piau : Dua premio : 100 Frk. 140 silaboj minute.

La kongreso ŝatinde helpis al la disvastiĝo de nia ideo inter stenografistoj kaj multaj promesis lerni la lingvon, inter ili famaj kolegoj.

(Laŭ raporto Flageul).

Dum la Svisa Stenografa Kongreso en Rüti (Zürich) 6-6-31, S-ro Robert Kreuz, Direktoro de ICK akiris 2-an premion por stenogramo de 220 silaboj en Esperanto, kaj saman premion por germana (200 silaboj) plie unuan premion por 140 silaboj en franca lingvo. (Sistemo Stolze-Schrey).

# Zamenhof-Monumento

## Soleno en Bialystok

La 12an de Aŭgusto alvenis Bialystokon el Varsovio karavano de 60 partoprenintoj de la XXIIIa, gvidata de la vicprezidanto de Bialystoka Postkongreso D-ro Datner.

La alvenintojn salutis ĉe la alveno de la vagonaro membroj de la organiza komitato kun prez. J. Ŝapiro, reprezentantoj de la urbestraro, militistaro k.t.p. Orkestro de l'42-a regimento ludis « La Esperon ».

Post disdono de hotelkartoj kaj forveturigo de la gastoj al iliaj loĝejoj, okazis je 12a horo tre impona soleno de fundamentometo por Zamenhofa monumento.

La loko de estonta monumento, situita tre bele ĉe komenco de la urba arbaro sur ronda placo de kruciĝo de 6 stratoj, estis plaĉe ornamita per polaj kaj esperantaj flagoj, floraro kaj Esperantaj emblemoj. La ordon gardis honora taĉmento de fajrobrigado kaj reprezentantoj de loka esperantistaro.

Apud la tribuno staris modelo de la monumento, kies aŭtoro estas fama varsovia artskulptisto A. Ostrzega. La monumento prezentos Babelan Turon (12 m. da alteco).

Al la soleno venis krom la Esperantistoj ankaŭ reprezentantoj de la registaro, urbo, sociaj organizaĵoj ktp.

Kiam alvenis la vic-vojevodo Zawistowski, anstataŭanta la vojevodon, forestantan pro kuracado, militista orkestro ludis marŝon, post kio la vic-vojevodo subskribis la akton pri la monumentosoleno. Sekvis subskriboj de aliaj eminentuloj.

La vic-vojevodo Zawistowski inaŭguris post tio la solenon per pollingva parolado, tradukita en Esperanto de prez. Ŝapiro. En tiu parolado li menciis i.a. ke la fama bialystokano Zamenhof estis gvidata de altaj ideoj pri paca kunvivado de la popoloj kaj tiuj ideoj trovas ĝuste plej varman komprenon en Polujo.

En la nomo de la urbo parolis vic-urbestro D-ro Ziemilski, kiu dankis al la organiza komitato por la disponigo de la monumento al la urbo kaj al la gastoj pro ilia alveno por honorigi Zamenhof.



J. Ŝapiro, prezidanto de l'Org. Komitato

En la nomo de la I.C.K. de la Esp. Movado parolis Direktoro Robert Kreuz, kiu akcentis ke la tutmonda Esperantistaro estas dankema al la patrujo de Zamenhof por lia honorigo.

Poste estis laŭtlegita la akto kaj la vic-vojevodo Zawistowski enmurigis ĝin sub la fundamento, kiel ankaŭ la unuan fundamentan ŝtonon. La sekvantajn ŝtonojn enmurigis la reprezentantoj de la urbo kaj ŝtata administracio, familio Zamenhof (D-ro Leono kaj f-inoj Lidja kaj Sofio), I.C.K. kaj de apartaj nacioj, venintaj al la Postkongreso.

Dum komuna tagmanĝo, kiun partoprenis la Esperantistoj kaj reprezentantoj de la registaro kaj urbo, toastis prezidanto Ŝapiro kaj Direktoro Kreuz.

Poste la kongresanoj vizitis la urbon kaj speciale Zamenhofan naskodomon, kie denun kuŝas t.n. « ora libro » kun subskriboj de la vizitantoj.

Je 6a horo vespere en la salono de la urba konsilantaro okazis solena kunsido de la Postkongreso.

Parolis la prezidanto de la org. komitato J. Ŝapiro, reprezentanto de la vojevodo D-ro Raczynski, vicurbestro D-ro Ziemilski, D-ro Leono Zamenhof kaj reprezentantoj de esperantistoj de 15 landoj. La kunsidon finis komuna kantado de la himno.

Post komuna vespermanĝo la teatra sekcio de loka Esperanto-S-to prezentis Esp. revuon « La stela parado ». Ĝin reĝisoris s-ro Ŝ. Osovicki. La prezentado tre plaĉis al la multnombra publiko.

La ampleksan programon de la Postkongreso finis balo en la reprezentaj salonoj de vojevoda palaco. La gastoj bone amuzis sin ĝis mateno.

Sekvantan tagon du grandaj aŭtobusoj forveturigis la gastojn al la la mondfama Bjaloveĵa arbarego, kie Inĝeniero Jasinski gvidis la esperantistojn tra virga arbarego kaj montris al ili la urojn, granda maloftaĵo.

Ĉiuj kongresanoj ricevis krom kongresa libreto ankaŭ belan gvidfolion tra Bialystok, eldonitan de Turisma Servo de UEA kun financa helpo de Bialystoka magistrato.

# Oni dankas

*** Gesinjoroj Lee el Crewe, Anglujo, tre dankas al la jenaj samideanoj servintaj dum vojaĝo en Germanujo : S-ro Schreiber, Gummersbach, S-ro Vehl en Köln, F-ino Schreiber kaj S-ro Göring en Magdeburg, kaj S-ro Max Jannasch en Leipzig.

*** S-ro Richard Pfütze, Sao Paulo, Brazilo, Ano 18407 kore dankas al la Delegitoj en Tokio, Shizuoka, Nagoya, Osaka kaj Kobe plie al la D en Napoli por afabla helpo dum mondvojaĝo.

*** S-ro Adolfo Oberrotman, Ano de UEA 5181 en Varsovio kore dankas al S-ro R. Vannuco en Tarvisio, S-ro Arabeno, Del. en Genova, S-ro Ettore Fasce, al S-ro Rondini en Sampierdarena Prof. D-ro Canuto en Torino kaj al S-roj Canonico Mayo, Ramolfo al S-ro Niŝimura, F-ino Gabrielle Gérard, S-ro Münz, Ĉd en Berlin, Sinjoroj Schulz kaj Glück, kiuj per afabla helpo plibeligis mian vojaĝon.

*** Bulgara Esp. Karavano kore dankas al S-ro Raymund Čech, Del. de UEA en Vieno por lia servado, gastigi la bulgarajn samideanojn kaj montri al ili la vidindaĵojn de la urbo.

# Solena malfermo de l'Esperanto-Domo en Arnhem

La 11-an de Aŭgusto okazis en Arnhem (Nederlando) la solena malfermo de la Esperanto-Domo disponigita de la Arnhema urbestraro al la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto por tie krei kulturan centron helpe de la internacia lingvo.

Kiel signo de simpatio, la urbo ornamis ĉiujn tramojn per verdaj esperantaj flagetoj. Ankaŭ en diversaj lokoj en la urbo estis videblaj niaj standardoj, altirantaj la intereson de la urbanaro al nia afero.

La inaŭguro de la domo okazis en korvarma esperantista atmosfero simbole karakterizita de la internacia ĉeestantaro kunveninta el 10 landoj.

Sub la prezido de S-ino Julia Isbrücker la solenaĵo iĝis sukcesa manifestacio por nia lingvo kaj precipe por ĝia kultura valoro.

La paroladoj de S-ro Inspektoro Omloo (reprezentanto de la Ministro por Instruado) kaj de S-ro Geraedts (en la nomo de l' Ministro por Komerco kaj Laboro) estis pli ol okazaj simpati-deklaroj; ili montris larĝan komprenon de la kultura kaj praktika valoro de nia lingvo kaj esperigas pluan kaj plian sukceson en la nederlandaj oficialaj rondoj.

La urbestro de Arnhem, S-ro de Monchy, surprizis la ĉeestantaron per rimarkinda paroladeto en Esperanto. Lerninte nian lingvon, li persone ekkontaktis kun la esperantistoj kaj fariĝis tutkora subtenanto de niaj klopodoj. Al ĉiuj respondis Pastro Andreo Ĉe, kiu en elokventa parolado konstatis la gravecon de la momento kiam esperantistoj ricevis oficialan videblan helpon de la aŭtoritatoj. Memorigante pri la sindonemo de D-ro Zamenhof, li alvokis al plua diligenta laborado, por ke Esperanto portu tiujn fruktojn, kiujn la homaro rajtas postuli de ĝi.

La ĉeestantoj, kortuŝitaj de liaj celtrafaj paroloj kaptis freŝan kuraĝon por la daŭrigo de la ĉiutaga batalado por la venkigo de nia ideo.

Post admirinda parolado de s-ro Prof. Casimir, la rektoro de la 4-a Internacia Kurso de Esperanto, kiu per sentitaj paroloj varme pledis por la paca rolo de Esperanto en la historio de la homaro, sekvis la alparolo de la reprezentantoj de la esperantistaj organizaĵoj. S-ro Dro Baart de la Faille, loka delegito de UEA gratulis en la nomo de l'Asocio, S-ro inĝ. Isbrücker bondeziris en la nomo del Lingva Komitato kaj ĝia Akademio kaj s-ro Heilker transdonis al la Cseh-Instituto donacon en la nomo de la Esperantista Ekzamena Komitato por Nederlando .

S-roj Christensen (Usono), Dro Ottmar Fischer (Hungarujo) kaj Advokato Sigismundo Pragano (Rumanujo) alportis la saluton de la fremdlandaj ĉeestantoj.

La samtempe en la Esperanto-Domo malfermitan internacian kurson, gvidatan de Pastro Ĉe partoprenas 56 kursanoj el 10 landoj (Nederlando, Anglujo, Germanujo, Francujo, Usono, Islando, Svedujo, Rumanujo, Hungarujo kaj Aŭstrio).

La kursanoj loĝas kaj manĝas en la komforta Esp.-Domo kiu de nun restas konstante malfermita kaj preta akcepti viziton de ĉiulandaj esperantistoj.

(S. P.)

**Fondo de premio de 10.000 fr. frankoj por plej bona tutmonda lernolibro de integra eduko.**

La integra eduko de homa estaĵo dependas de ĝerma heredeco, realiĝanta iom-post-iom, en kaj per sia universala integra medio. La celo de tiu ĉi-konkurso, patronata de la Internacia Ligo por Nova Eduko, estas montri : *a)* kiom ĉiu estas interesata pri tio ke la heredeco estu plejeble bona kaj plejbone edukiĝu en ĉiu ; *b)* kiom povas fari ĉiu edukato, iĝanta edukanto, por si mem kaj per aliaj en la tuta mondo ; *c)* urĝan neceson de interedukista akordo, ebla je la lumo de universala vidpunkto. Petu la kompletan noton

*Groupe français d'éducation nouvelle.*
41, rue Gay-Lussac — Paris (5°)

## Esperantista vivo

**Naskiĝoj.**

*** Al Ge-sroj Vanneste-Verriest en Tourcoing Francujo, fileto Daniel, 19.6.31.

*** Al Ge-sroj Robert Wolf ano de UEA en Dresden filineto.

*** Al Ge-sroj Morris De Ketelaere, vicdelegito en Antverpeno, fileto Rudolf, 27.7.31.

*** Al Ge-sroj Stutzmann, Delegito de UEA en Leysin, Svis., filineto Françoise-Andrée, 22.8.31.

*** Al Ge-sroj Starke en Nürnberg, fileto Gerhard, 20.6.31.

*** Al Ge-sroj Debrouwere-Boudens en Kortrijk (Belglando fileto Karlo 21.6.31.

**Edziĝoj.**

*** S-ro Emil Eisenberg, Delegito en Jablunkau Ĉeĥoslov., kun F-ino Wilhelmina Grieb.

*** S-ro Petro Geiger, Delegito de UEA en Jimbolia, Ruman., kun F-ino Heleno Zvornik el Vel. Kikinda, Jugoslav., 16.6.31.

*** S-ro Edvardo Wiesenfeld, ano de UEA en Varsovio kun F-ino Lewenfiszówa, 6.9.31.

**Honorigo.**

*** S-ro William Perrenoud, D de UEA en Cernier Svislando akiris la gradon de scienca doktoro ĉe Universitato de Neuchatel.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*S-ro James D. Haiman*, Ano de UEA 16038 en Pittsburgh, Pa. Usono. (Laŭ D.E.P.).

*S-ro Walter Schrank*, iama ano de UEA en Kempten im Allgäu, Germanujo. (Dato ne konata).

*S-ino Dafine Jochmann* (Spassoff) bulgara samideano, edzino de la Delegito de UEA en Langenau, Ĉeĥoslovakio, 20.6.31.

*D-ro Wilhelm Hinsenkamp*, Delegito de UEA en Essen Germanujo, 22.5.31. (Laŭ Juna Batalanto, n-ro 2.).

*S-ro Giuseppe Santin*, UEA ano N° 12866, iama nia Delegito en Venezia, la 23an de Julio mortiĝis pro grava terenfalo el fenestro dum kutima laboro.

*S-ino Ersilia Minio*, Anino de Espr. Grupo L. L. Zamenhof de Venezia kaj patrino de l'fervora UEA anino F-ino Carolina Minio, Delegitino en Zara, en Venezia la 25a de Aŭgusto.

*S-ino Amélie Lucie Gonon*, edzino de la Vicdelegito de UEA en Thiers, Francujo, 9.5.31.

*S-ino Helena Joskowiczowa*, fratino de S-ro D-ro Gutmann Delegito de UEA en Ostrolenka, Pol. 24. Junio 1931, 38 jara.

*S-ro Max Schafroth-Lüdy*, patro de nia Delegito en Burgdorf Svislando, 23.7.31.

*S-ino Sindelarova-Blazkova Marie*, patrino de nia delegito s-ro Zdenek Blazek en Mnichovo Hradiste.

*S ro Oskar Sohr*, eks-VD en Baĉka Topola, Jugoslavio, 3.9.31. Simpatia samideano, laborinta dum kelka tempo ĉe la presejo de ESPERANTO en Annemasse kiel kompostisto, kiun okupon li devis forlasi pro grava malsano.

*Sinceran kunsenton!*

## August FOREL

La 27 Julio 1931 mortis en Yvorne la fama scienculo Aŭgusto Forel. Pri lia vivo kaj verkoj abunde parolis la eŭropa gazetaro, precipe en germanlingvaj landoj, kie lia verkaro estas abunde tradukita kaj eldonita. Cetere li verkis mem egalbone france aŭ germane.

Fidela membro de UEA, al kiu li regule pagis sian kotizon, Forel subtenis nian movadon, en kiu li vidis grandan ilon por forigi malsaĝajn barilojn inter homoj kaj popoloj.

Ĉe lia funebra bruligo en la tombejo de Lausanne ĉeestis reprezentantoj de l'esperantistaro kune kun tiuj de l'Bon-Templanoj, ĉar li estis fervora apostolo kaj gvidanto de tiu kontraŭ-alkohola movado.

Sur la ŝtuparo de la krematorio lian filozofian testamenton legis lia filo mem. Tio anstataŭis religian ceremonion. Tiu longa kaj kompreneble diskutinda dokumento klarigas tute pozitivistan kredon, suspekteman je ĉiuj dogmoj kaj superstiĉoj, kaj finas per sincera aliĝo al la dek principoj de la bahaista movado, kiun Forel rekomendas al simpatio de la publiko. Noble sonis lia lasta adiaŭo kaj danko al lia edzino, kiu estas tre valora virino kaj lin helpis en ĉio.

Feliĉa viro pro tiu amo, Forel sentis grandan respekton al sia kunulino kaj al la tuta virina sekso. Tion vi tuj rimarkas en lia plej konata libro : La seksa problemo. Eduki la plenaĝulojn pri tiu temo plej ofte miskonata, diri la veron sen cirkaŭfrazo, sed kun luma pureco, honesta malkaŝemo kaj scienca tekniko, tamen scianta resti homa kaj simpatia, jen la maniero en kiu Forel sukcesis verki tiun libron, tradukitan en multegaj lingvoj.

Ne tie vi trovos la malnovmodan embarason de l'aŭtoro turnanta cirkaŭ la faktoj, ankaŭ ne la malbongustan ironion de tiu, kiu konsideras virinon kiel amuzilon por sinjoroj. Ne. Forel vidas la virinon egala al viro kaj pritraktas la temon kun tiom da digneco kiom da kuraĝo.

En la scienca rondo eĉ pli konsiderataj estas liaj laboroj pri la homa cerbo, kiun li volonte komparis kun tiu de la formikoj. Jam kiel okjara knabo li komencis observadi tiujn insektojn kaj studi iliajn kutimojn. Tiun observadon li daŭrigis dum longa vivo okdekjara flanke de sia kariero kiel psikiatro kaj profesoro.

La vilaĝan domon, en kiu li mortis, li nomis « La Formikejo ». Kiu vizitis lin tie neniam forgesos la impreson. Tiu bela altkreska maljunulo kun blanka barbo kaj lumaj okuloj restis vigla kaj amike sprita malgraŭ la paralizo, kiu ĝenis lian brakon kaj langon en lastaj jaroj.

Li legis ĉion, sekvis ĉion, foje malpaciencis pri malrapideco de homoj je kompreno pri bezonoj kaj sopiroj de popoloj. En lia vilaĝa domo kun verdaj fenestrokovriloj vi ne trovis la tipan scienculon el reĝaj akademioj kun dekoracioj sur la brusto kaj invitoj de markizinoj sur la tablo.

Forel restis dum tuta vivo vera demokrato de primitiva Svislando. Al kongresoj li veturis triaklase aŭ marŝis kun sia dorsosako kaj vasta mola ĉapelo. Nek profunda scienco, akirita per studo kaj sperto, nek tutmonda famo, difektis tiun simplan kaj rektan karakteron.

Cetere nura scienco ne sufiĉis al li. Helpado al homoj konstante lin okupis. Nekalkuleblan nombron da malfeliĉuloj li konsilis, flegis, kuracis aŭ kuraĝigis. Lia domo ĉiam estis plena de tiuj. Samtempe al utilaj movadoj li donis sian subtenon kaj por ili bataladis kiel dudekjara kavaliro ĝis kvaroblo de tiu aĝo.

La esperantistaro danke memoros tiun fidelan amikon kaj pioniron de l'vero. P.

## D-ro Edm. Sós

*Doktoro Edmundo Sós*, depost tridek jaroj la animo (jes vere la bona animo !) de la Esperanto-movado en Aŭstrio, mortis Sabate la 27-an de Junio 1931. Lia foriro el nia mondo postlasas orfan lokon vere malfacile okupigeblan. Li naskiĝis la 25-an de Decembro 1864 en Satoralja-Ujhely en Hungarujo kaj venis al Vieno por studi en la universitato en la jaro 1882; li promociis kiel kuracisto la 27-an de Junio 1891. Do, la tagon de sia morto li estus festinta la kvardekjaran jubileon de sia promocio. Nur tri jarojn li kuracadis por poste fariĝi dentkuracisto. En tiu speciala metio li fariĝis fame konata kaj ofte serĉata konsilanto.

Jam dum la unuaj jaroj de sia kuracista praktikado li aliĝis al la Esperantismo, laboranta modeste kaj tamen kun plej granda efiko. Lia ĉarma konduto kontraŭ ĉiuj, lia ĉiama komplezemo, lia pasio por ĉio bona kaj bela kaj lia alta intelekto kune kun elfunda klereco ravis ĉiun, kiu havis rilatojn kun li. Senlace li laboris por la disvastigo de Esperanto, partoprenis kongresojn, akceptis funkciojn



en la esperantistaj entreprenoj, aranĝoj kaj unuiĝoj en Vieno. Kaj neniam li preterlasis okazon por perfektiĝi en la lingva scio; krom Esperanto li estis perfekta en la germana, hungara kaj franca lingvoj. Ni dankas al li multajn modelajn tradukojn el la mondliteraturo. Dum multaj jaroj li estis vicprezidanto fine honora prezidanto de la « Unua Esperanto-Unuiĝo » de la plej malnova Viena E-asocio kaj de la « E-organizo de Oficħavantoj de la komunumo Wien », estis estrarano en la iama Aŭstria-Esperanto-Ligo kaj en la komerca entrepreno Nova Tempo kaj poste fervora ideoriĉa delegito de la Aŭstria E-Delegitaro, kies plej grava akceliganto li fariĝis, kaj ree poste de la Aŭstria Esperanto-Asocio, la unua tutaŭstria neŭtrala organizaĵo. Kune kun sia amiko Glück li verkis la fame konatan lernolibron de Esperanto, laŭ kiu la plej multaj Esperantistoj en Aŭstrio lernis Esperanton. Plue li kunlaboris kiel redaktoro en la « Deutsch-Oesterreichischer Esperantist » kaj poste en la gazetoj « Nova Tempo » kaj « Aŭstria Esperantisto ». Li verkis artikolojn por multaj E-gazetoj; i.a. por « Heroldo » kaj « Internacia Medicina Revuo », kies Aŭstria redaktoro li estis. Estinte ankaŭ pasia ano de la Paneŭropa ideo, li fondis la Vienan grupon de la Paneŭropaj Esperantistoj. Estis li, kiu eldonis esperantlingve la Paneŭropan manifeston. Li estis delegito, kaj komitatano de U.E.A. Per tio arego da esperantistoj lernis ŝati lian homaman bonkorecon, la altajn kvalitojn de lia karaktero. Estinte unu el la unuaj esperantistoj li baldaŭ persone konatiĝis kun nia majstro Zamenhof kaj restis kun li en ĉiama amika kontakto. Vivante modesta kiel sanktulo, ĉiam lasante la unuajn lokojn al la ambicio de aliaj, li ludis en la Viena Esperanto-movado en la lastaj jaroj de sia vivo ĉefe la rolon de instiganto al perfekta lingvoscio, de edukanto al nobla homeco, de paciganto; en tio verŝajne li havis la plej valorajn sukcesojn. Ĉefe al li ni dankas la unuecon de la esperantistaj asocioj en Vieno kaj Aŭstrio. Kiom li estimis la pacon, tion montras ankaŭ lia amikeco kun la famaj gvidantoj de la pacomovado, kun Alfred H. Fried kaj Berta von Suttner, al kiuj li oftfoje liveris materialon kaj servis kiel peranto.

En nia memoro ĉiam restos tiu pasia poeziema fervora kaj fidela samideano, tiu modela homo, doktoro Edmundo Sós kaj en lian tombon ni postsendas nian koran dankon por lia pionira laboro. Li ripozu en paco!

(O. Z.).




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo




Nia movado inter la policanaro antaŭenmarŝas! Post sukcesplena kurso inter la policistoj de Oslo, raportita lastnumere, ni ĝoje povas raporti hodiaŭ pri simila sukceso en Oocu, Japanujo. Sinjoro Tacuŝin el ĉi tiu urbo afable raportis al ni pri tio jene:

Esperantistoj en nia urbo oftege estis malhelpitaj pro erarkompreno de aliaj personoj ankaŭ inter la polico, kiuj konsideris Esperanton kiel danĝeran movadon. La movado pro tio ne progresis kaj ne sukcesis inter policistoj. Se la polico mem dubas pri Esperanto, tiam oni certe ne estas kuraĝigita propagandi ĝin inter policanoj. Necesis multaj penoj propagandi Esperanton inter tia dubema polico kaj esperantigi tiajn policanojn. La lokaj esperantistoj ofte eluzis okazojn, viziti policanojn kaj klarigi al ili la celon de Esperanto, sen ricevi interkonsenton iu ajn por eklerni la lingvon. Jam ŝajnis, ke policistoj en nia urbo neniam lernos Esperanton. Sed fine la penoj alportis disvolviĝon en Majo nunjare.

La fakestro de la ideopolico, sinjoro Sumikura aŭskultis mian konsilon por instrui Esperanton inter policanoj. Li eĉ entuziasmiĝis, informis la gubernatoron, sinjoron Jamaguĉi, estro de la gubernia afera fako, kaj trovis ankaŭ lian konsenton. La gubernatoro oficiale enketis, nomigi la policanojn, kiuj emas lerni Esperanton.

Jen la sukceso: 35 policanoj sin anoncis, kiuj partoprenis kurson en ĉambro de la gubernia oficejo.

La kurso nur daŭris de la 2-a ĝis la 29-a de majo ĉiuvespere de la 19-2a. Tiu mallongdaŭra kurso tamen tre bone finiĝis dank'al la helpoj de sinjoro Sumikura, kiu aranĝis ĉian necesan por la kurso.

Je la 29-a de Majo la kursanoj okazigis teokunsido en la sama loko. Tie dum interbabilada kaj interparolado diskuto fondiĝis grupo nomata «Marda Grupo», kiu kunvenas ĉiumarde vespere.

Tutspeciala sukceso estis atingita per tio, ke la gubernatoro mem partoprenis la kurson. Per tio la movado en Oocu ricevis fortegan impulson al plua esperplena kreskado.

Ni ne povas preterlasi la bonan okazon, esprimi al sinjoro Tacuŝin kaj al liaj favorantoj niajn tutkorajn gratulojn kaj prezenti al niaj novaj samideanoj samfakuloj respektplenajn salutojn.

Nia ligo esperas, ke ili ankaŭ baldaŭ plenumu plian devon de solidareco, aliĝi al nia ligo, por pli kaj pli progresigi la celon, nur atingebla en komuna kaj harmoniplena laboro!

La bildo prezentas la kursanojn, meze de la instruisto sinjoro Tacuŝin kaj de sinjoro Sumikura.

A. Pohle,
Liga redaktoro

---

# *Du jaroj sub la verda stelo*



Lektoro Henrik Seppik, la estona propagandisto reiris de sia agadkampo en Svedlando por militservi en Estonio. Mankas al la movado, dum tuta jaro la fortoj de tre aktiva laboranto. La esperantistaro, facile forgesas la servojn de siaj gvidantoj, kiam la gazetara bruo pri ili silentiĝas.

Ĝistede legis la esperantistaro pri Ĉe-metodaj kurssukcesoj, kaj tial ne necesas skribi pri la meritoj de s-ro Seppik kiel Ĉe-metoda instruisto. Parolu la ciferoj mem: 53 Ĉe-kursoj kun kune 2015 partoprenintoj, 31 provlecionoj, 4 radioparoladoj, 65 prelegoj pri Estonio antaŭ ĉ. 6500 personoj. Sed lian ageman karakteron ne kontentigis la nura kursa laboro. Kie malnovaj esperantokluboj ekzistis, li plivigligis la kluban vivon, kie ne ekzistis li fondis novajn. Tiamaniere lia eksterkursa laboro fariĝis eĉ pli signifplena ol la kursa. Speciale li pli ol iu alia sukcesis interesigi la instruistojn kaj la lernejajn estrarojn. Ekz. en Kiruna oni tiun ĉi jaron aŭtune oficiale enkondukos-Esperanton rezulte de lia laboro kaj sukceso konvinkigi kaj esperantistigi la tiean popollernejan inspektoron.

Kunfondinto de la Esperanta Turista Komisiono li dum sia tuta kursado celis al ĝia progreso, farante reklamon pri ĝia agado en ĉiuj urboj, kiujn li vizitis, kaj instigante siajn lernintojn pere de la malkaraj vojaĝoj de E.T.K. elutiligi sian konon pri la mondlingvo. Jam en la jaro 1929 li en Estonio majstre organizis la akcepton de la unuaj svedaj esperantistoj-turistoj, kaj poste per modela laboro li tiel en Svedlando per korespondado kiel en Estonio per persona interveno organizis la turismajn aferojn. Laŭ eldiro de la prezidanto en la Kunlabora komitato de la Estonaj esperanto-asocioj *E.T.K. nun estas la plej bone gvidata turista unuiĝo de la lando* kaj plejgrandparte ĝi meritas tiun laŭdon al la nelacigebla laboro de Seppik.

Seppik estas viro de la silenta, flamante fajro. Unu el tiuj, kiuj mem pelataj, pelas nian movadon al ĝia celo. Tial en la ĝis-la-revidomomento honoron kaj dankon al la fidela laboranto, al la soldato irinta sed revenonta, al la ĉefo venonta. (Laŭ G. A.).

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*Alblasserdam* (Nederlando). — S-ro J. van der Rhee, F. 68, PI. kĉl.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, Damrak 95, (H. & P.) nur PM. (Malrespondas bagatelaĵojn).

*Badalona* (Hispan.). — S-ro Joan Fabregas, str. Arnus 61, 3-1-2a, PI. kĉl.

*Bad Schlag* 137 (Ĉeĥoslov.). — S-ro Fredy Stolze, seruristo, pri serurista fako dum la nuna krizo. Certe respondos.

*Berlin N. W.* 87. — F-ino Amalie Menzel, instruistino, Unionstrasse 6-7 L. PI. k.ĉ.l.

*Brüx* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Stephan Wabra, Ringstr. 875, PI. k.ĉ.l.

*Den Haag* (Nederlando). — S-ro Frits Belinfante, Banstraat 22, studanto de fiziko, amatorfotografanto, PI. L., kun Afriko, Azio en-oceanaj insuloj, pri vivmaniero, pejzaĝoj, moroj k.t.p.

*Den Haag* (Nederlando). — S-ro Ernst Belinfante, studento, Banstraat 22, L., PI., k.ĉ.l.

*Erfurt* (German.). — S-ro Walter Weber, Kirchbachstrasse 22, L., kun anoj de la New Thought movado en Ameriko kaj de la Gandhi movado en Hindujo. Estas ano de la germana novspirita movado.

*Friedland Bez. Breslau* (German.). — S-ro Heinz Bense, Del. de UEA, Flurstrasse 3, PI., L., ankaŭ kun F-inoj. PM. k.ĉ.l. Resp. certigata.

*Gävle* (Sved.). — S-ro Hermann Stahre, S. Kungsgatan 30, PI. L. prefere kun francinoj.

*Grossröhrsdorf Sa.* (German.). — S-ro Bernhard Schöne, Prasserstrasse 370 G. L. PI. k.ĉ.l.

*Ivry-sur-Seine* (Francujo). — S-ro Buisson, Del. de UEA, Colonie Alexandre 15 nur PM. kaj L. kun Eŭropo.

*Kiskörös* (Hungar.). — S-ro Aleksandro Szalay, PI, Bfl., PM. kĉl. (PI nur komunumaj konstruaĵoj).

*Lierre* (belg.). — S-ro Emile Wuyts, rue St. Hubert 3, L. PI. kĉl.

*Mala Bela* (Ĉeĥoslov. poŝto Bakov n.J.). — S-ro Stanislav Moc, 19 jara PI, kĉl. prefere kun gejunuloj. Nepre resp.

*Marshfield* (USA, Oregon). — S-ro Alton Rogers, instruisto, L. pri politiko, belartoj. Certe resp.

*Montbéliard* (France). — S-roj Robert kaj René Thom, 11 kaj 8 jaraĝaj, 21 rue de Belfort, PI. bfl. kun samaĝuloj.

*Mosonc* (Hungar.). — S-ro L. Bergl, Fö utca 95, L. PI. kĉl.

*Narrogin* (West. Australia). — S-ro L. Illingworth, P.O. Box 21, MP. 100-250 uzitajn kun Norvegio, Turkio, Bulgario, Danzig kaj ekster Eŭropo.

*Neuchatel* S. (Svis.). — S-ro Emmanuel Zürcher, L. PI. kun lertuloj en lingvoj Esperanto, franca germana pri naciaj sentoj naciaj kutimoj, naciaj institucioj.

*Nukerke ap. Etichove* (Belg.). — S-ro Gabriel Claus, oficisto, PK. L. kĉl. ankaŭ kun skoltoj ĉiulandaj.

*Oviedo* (Hispan.). — S-ro Victor Lopez, T. Economicoz 2, PK. PM. L.

*Paris* 2. — S-ro L. Macké, 124, rue Réaumur, serĉas korespondantojn ĉiulandajn por 40 gelernantoj ĉiuaĝaj. Respondo certigata.

*Podebrady-Cholanky* (Ĉeĥoslov.). — S-ro V. Urbanek, gimnaziano, PI. L., kun gestudentoj ekster-eŭropaj.

*Rio de Janeiro* (Brazilo). — S-ro Fernando Montenegro, Caixa Postal 1766 PM novaj kaj novajoj (aerpoŝto) kun ĉiuj landoj speciale kun kolonioj francaj, anglaj, italaj, nederlandaj, portugalaj.

*Tojama-Ken* (Japan). — S-ro Kitanihon-Hioronŝa, Enami-maĉi, pri erotikaj temoj. Interŝanĝas ilustr. gazetojn.

*Tokio* (Japan). — S-ro Sei Wakamatsu, 1-2 Kamezawa-cho, Honjo-Ku ĉiunaciajn gazetojn kontraŭ malnovaj japanaj esp. gaz.

*Viipuri* (Finnlando). — F-ino Toini Tolvanen, Pellervonk. 19. PI, L. kaj fotografaĵoj.

*Zampach p. Zamberk* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josef Hrabacek, lernejestro PI. L. pri ĉiuj temoj precipe lernejo, naturo (speciale fungoj), libro, kĉl.

## Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Adresŝanĝo.* — La adreso de S-ro T. A. Glover nun estas : The Nook, Manor Way, Petts Wood, Orpington, (Anglujo, Kent).

*Alkoholaĵoj.* — Nova esperantisto Kosta I. Kostov — Komercisto de alkoholtrinkaĵoj — gara Straldĝa (Jambolsko). Bulgario, deziras havi rilatojn kun gesamideanoj, specialistoj pri fabrikado de anizbrando, konjako vermuto kaj ĉiaj likoroj.
Kiel rekompencon mi sendos belan, surprizan donacon el Bulgarujo.

*Atentu foto-amatoroj.* — Mi deziras interŝanĝi amatorajn fotografaĵojn, prefere de pejzaĝoj, infanoj, plantoj kaj bestoj. Mi ankaŭ posedas multajn Parizajn stereoskop-fotojn. Hermann Kuhnt, lingvo-instruisto, Breslau 16, Damaschkestr. 47 Germanujo.

*Ĉu estas la kapitalo ?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Fotografistoj.* — Profesiuloj kaj amatoroj ! Samideanoj el ĉiuj landoj, okupiĝantaj pri la fotografarto, estas petataj en afero ilin interesanta, sendi tuj siajn adresojn al Wlodzimierz Pfeiffer, Delegito de UEA, Ksiegarnia Fiszera, Lodz, Pollando.

*Helpemaj Samideanoj !* — Mi kolektas por Esperanto-Ekspozicioj en mia Regiono kaj Provinco ĉiajn specimenojn de ĵurnaloj, gazetoj, gvidlibroj, ŝlosiletoj, reklamiloj, ekspoziciaj gvidlibroj, afiŝoj, ilustritaj kartoj (poŝtmarkoj bildflanke mi petas), ne pln vendeblaj lernolibroj, k.t.p. Pro senlaboreco vi alsendu senpage ! Sendu ĉion al S-ro J. van der Rhee en *Ablasserdam* F 68 (Nederlando)

*Insignoj.* — Insignojn de Societoj de ekskursistoj aŭ skiistoj, deziras interŝanĝi. S-ro S. Alberich-Jofré, str. Campo, 45, Barcelona (Katalunujo-Hispanujo).

*Letervespero.* — Esperantista grupo en Duisburg, p. A. S-ro Hans Klein, Blücherstr. 41, aranĝos ekspozicion kun letervesperoj, Sendu esperantaĵojn, kartsalutojn, leterojn. PM bfl. Certe respondos.

*Literatura Mondo.* — *Kiu povas sendi* al ni la numerojn 1, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9, 11, 12 de Literatura Mondo (4a jaro. 1925-1926), bonvolu proponi kondiĉojn pri aĉeto aŭ interŝango, al Belga Esperanto-Instituto, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno (Belgujo).

*Skoltojn atentigu.* — Ke ili lernu Esperanton, korespondu kun ni esperante, uzu dum vojaĝoj, tendaroj Esperanton ! Ni invitas ilin al ni ! Hungara Skolta Esperanto-Rondo, Budapest, V., Nagy Sandor-utca 6. (Oficiala ĉemiz-insigno de esp. tendaro kun hungara skolta revuo, enhavante esp. tekstojn : 3 resp. kup.).

*Poŝtkartoj.* — Por kompletigi mondkolekton (uzota propagandcele), mi deziras PI (PM bildflanke) el ĉiuj landoj esceptinte la jenajn, Anglujo, Argentino, Aŭstralio, Belglando, Bulgarujo, Bolivio: Ĉeĥoslovakujo, Ĉilio, Egiptujo, Estonujo, Finnlando, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Jugoslavujo, Japanlando, Kolumbio, Kubo, Latvolando, Meksiko, Nederlando, Polujo, Rumanujo, Svislando, Skotlando, Svedlando, Turkujo, Soviet-Ruslando, kaj Usono.
Kompense, mi promesas sendi al ĉiu sendinto senescepte vidaĵon el mia urbo — sed skribu legeble ! Wm. H. King, VD., Postal Division, Secretary's Office, G.P.O., Wellington, Nov-Zelando.

## Mondvojaĝo Scherer

Post kelka klopodado mi sukcesis instigi la tiean « Meti-Unio, R.S. unio por popolklerigo », inviti s-ron Scherer por fari germanlingvan paroladon pri siaj travivaĵoj en Ekstrema oriento (20. X.). S-ro Scherer antaŭvideble havos ĉirkaŭ 800 aŭskultantojn, grandparte indiferentuloj aŭ eĉ kontraŭuloj de Esperanto. Por klare montri la sinsekvon de la mondvojaĝo kaj ĝian efikon mi intencas fari *ekspozicion* de la naci- kaj Esperantlingvaj *gazetraportoj*.

Mi do petas la delegitojn de la diversaj urboj pri *alsendo de tiaj raportoj pri Scherer-mondvojaĝo*. Mi estus tre dankema pro multflanka plenumo de mia peto, ĉar ju pli ampleksa estos la ekspozicio, ju pli malsamaj estas la lingvoj en kiuj oni raportis pri la mondvojaĝanto, des pli daŭra estos la efiko.

Se la ekspozicio estos kompleta laŭ la landoj vizitataj de Scherer, sendu kaj per tio helpu al nia kara lingvo ! Korc dankante mi sendas samideanajn salutojn al ĉiuj sendontoj.

Erich Hölscher,
Delegito de UEA.

Freiberg (Sa.), Sachsenhofstr. 10.

L'Imprimeur-Editeur : Albert Granchamp, Annemasse. — 645-9-31.